# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


## REIRO AL BARBARECO

# LA ŜTATA SKLAVECO EN SOVET-RUSUJO



Oni neniam tiel emfaze parolis pri sklavliberigo ol en nia epoko, ofte tamen forgesante, ke sole Kristanismo kaj katolika Eklezio finfine sukcesis forigi tiun hontan homtrafikon, la sklavecon, nur post jarcenta penado. Kaj modernaj homoj fanfarone fieras pri tiu venko de la Civilizacio, ne dirante ke ĝin kaŭzis nur la pli kaj pli profunda Kristanigo de la socio.

Jen nun la okazaĵoj evidente montras, ke

Oficiala dokumento registara sciigis, lastan junion, ke « je la dato de la 30 majo 1931, 12.454.000 farmbienoj, t. e. 50 % el la tuto en Soveta Unuiĝo, estis kolektivigitaj ». Tio nure signifas, ke la ŝtato forprenis la farmbienojn de iliaj posedantoj, kaj ke la kamparanoj de iamaj farmposedantoj fariĝis ŝtataj sklavoj.

Tio klarigas, kiel la Sovetoj sukcesas sendi sur la internacian merkaton tiom da malmultekoste vendeblajn varojn, kaŭzi tion, kion oni nomas per anglalingva vorto, la jam fama « dumping ». La manlaboro nenion aŭ preskaŭ nenion kostas al la ŝtata sovetpotenco. Kaj sekve la Sovetoj povas disvendi la varojn por preskaŭ nenio.



La « kolektivigo » de la laboristoj en Sovet-Rusujo

kiam malaperas ie Kristanismo, tie revenas denove la sklaveco kaj en maniero pli kruela ol iam. Oni do devas konsenti, ke ekzistas intima rilato inter la kresko de Kristanismo kaj la malapero de la sklaveco, kaj inverse. La faktoj nediskuteble kaj elokvente parolas.

Kaj nuntempe la sklaveco estas trude restarigita en lando, kies politika reĝimo pretendas liberigi ĉiujn homojn eĉ en la tuta mondo. Estas ĉiam la sama okazaĵo: liberiĝi de la « dolĉa jugo » de Jesu-Kristo, por fali sub la senindulgan tiranecon de Satano. Neniu kuraĝos nei, ke tiel okazas nun en Sovet-Rusujo.

Ho! kompreneble, oni ne plu nomas tiun kompatindan staton « sklaveco »! Tute ne! Oni lerte ŝanĝis la nomon, sed bedaŭrinde ne la aĵon. Nuntempe, en la lum- kaj sciencjarcento, oni nomas ĝin « kolektivigo » de la laboristaro, « kolektivigo » de la kamparanaro. Sed tiu pompa kaj trompiga nomo kovras la saman sklavstaton.

En Sovet-Rusujo la kvinjara plano, pri kiu aplombe fanfaronas la Sovetoj, estas nenio alia ol nura kaj simpla restarigo de la plej kruelega sklaveco. La laboristoj kaj kamparanoj en Rusujo sklavece laboras.

Kompreneble, la Sovetoj tute neas tiun sklavecon. Kaj ili indigne malpermesas enketojn pri tio, ĉar ili iomete timas, ke pruda Eŭropo finfine protestu kontraŭ restarigo de tia hontinda stato en moderna ŝtato. Sed, se estas danĝere eniri Sovetujon por enketi, se la Societo de Nacioj, kies fako estas speciale dediĉita al la forigo de sklaveco kie ĝi ankoraŭ ekzistas, vere ne povas enketi en Sovet-Rusujo mem, ĝi almenaŭ povus demandi la multnombrajn rifuĝintojn, kiuj nuntempe troviĝas en Finnlando, kaj kies deklaroj estis jam oficiale enregistritaj de notarioj. Ili estas ja miloj!

La landlimoj de la Soveta Unuiĝo estas severe gardataj de ruĝaj gvardioj, kiuj senkompate mortpafas la malfeliĉulojn, kiuj provas sin savi el la kruela sklaveco kaj sin rifuĝi en alian landon.

Plie, por Georgianoj aŭ Ukrajnoj kaj por la loĝantoj meze de la lando, la vojo al la forsavo estas longa kaj malfacila. Kaj la ruĝaj soldatoj lerte pafas. Lasttempe ankoraŭ ili trafis faman scienculon, profesoron ĉe la Petrograda Universitato, kiam ĉi tiu provis transiri la Dnieper-riveregon por rifuĝi en Rumanujon kaj sin savi el la gvardio, kiu estis lin kondukanta al punlaborulejo.

Sed estas lokoj, ĉe la limoj de Finnlando, kie la tereno estas pli malfacile gardebla, ĉar tie estas multaj lagoj kaj arbaroj tute kovritaj per neĝo dum preskaŭ la tuta jaro. La gardatento de la ruĝaj soldatoj estas tie malpli efika. Tial tri mil kamparanoj el la provinco Ingria sukcesis, de post la komenco de la jaro, erarigi ilian atentan observon kaj rifuĝi en Finnlando.

Kaj la deklaroj de tiuj rifuĝintoj, ĵurfide faritaj, sciigas kiamaniere kaj kiagrade estas restarigita la sklavstaton en Sovet-Rusujo.

« Antaŭ ol ni forlasis nian domon, diras Toivo Antti kaj Pekka Kajava, el la paroĥo Keltto, de la vilaĝo Saakrova, ni devis trude labori, kiel cetere ĉiuj loĝantoj de la vilaĝo, viroj kaj virinoj: la viroj aĝaj de 18 ĝis 50 jaroj kaj la virinoj aĝaj de 18 ĝis 45 jaroj. Tiuj laboroj nin okupis de post la lasta novembro. La salajro de la 1 novembro ĝis fine de januaro estis sume 11 rublojn. Ni estis devigataj aĉeti ŝtatajn rentojn por 10 rubloj, tiel ke ni ricevis nur 1 rublon en mono... Oni devas labori ĉiutage, eĉ la dimanĉon, de la 8-a horo. Kiu ne partoprenas en la laboro estas monpunita, kaj la monpuno estas pagota en la sekvantaj 24 horoj... Oni punelpelas tutajn familiojn. » Kaj ili nomas sian patron 70-jaran, sian patrinon 65-jaran kaj siajn gefratojn, kies pli juna estis nur 3-jara, kiuj estis ekzilitaj en Solovski-insulon.

La kamparanoj devas eniri en la kolektivigitajn farmbienojn kun la minaco esti forpelitaj en la Solovski-insulon se ili rifuzas. Kaj ĉar multaj ne obeas la ordonon, ĉi tiuj estas trajne transportitaj en aliajn lokojn de Rusujo, kie ili ne plu povas malobei kaj fine devas labori en sklavstato. La dokumentoj enregistritaj en Vilpuri (Finnlando) tion certigas.

Eŭropo nenion scias pri la malfeliĉo de la rusa popolo, sklavigita de la soveta potenco. La Sovetoj tion kaŝas. Kaj kiam iu provas rakonti ion, tuj la Sovetoj fermas al li la buŝon per mono. Tial la gazetaro silentas. Tial, pro financa profito, la registaroj ne protestas. Nur la Papo laŭte aŭdigas sian voĉon por informi la mondon pri la malfeliĉa stato de la Rusoj. Kune kun la Vikario de Kristo, senlace rediru: « Savanto de l' mondo, savu Rusujon. »

Georges Ramboux, *presbitero.*

## La katolika gazetaro kaj la nia

La *Allgemeine Rundschau*, katolika germanlingva semajna revuo en München, Bavarujo aperigis en sia numero de la 13 junio, artikolon pri « Dokumentiga Paca Ekspozicio Lokŝanĝa en Francujo » laŭ la artikolo de Max Roub en K. V.

Antaŭ la koncerna teksto de la artikolo estas skribitaj jenaj antaŭparolaj vortoj:

« Kiam ni trarigardas nian gazetaron, ni devas konstati ĉiam denove, ke ĉi tiu preskaŭ nenion raportas pri seriozaj penadoj de niaj najbaraj popoloj. Des pli ni legadas pri kontraŭ ni direktataj pritraktaĵoj de naciistaj politikistoj, pri armadoj de la najbarpopoloj kaj aliaj plu.

« Sekvonta pritraktaĵo, aperinta en la internacia gazeto *Katolika Vivo* kaj tradukita germanlingven de Paul König por nia *Allgemeine Rundschau*, raportas pri tute novspeca kaj impresema lokŝanĝa pacekspozicio kaj meritas decan atenton. »

En noto, la redakcio diris pri nia organo: « Katolika Vivo » estas novfondita internacia gazeto, kies celo estas, uzi la mondlingvon Esperanto je la servo de la internacia katolika agado. La ĵurnalo havas tre bonegan valoran enhavon kaj ĝi estu rekomendata precipe por ĉiuj katolikaj esperantistoj.

Je la fino de la tradukaĵo estas aldonitaj jenaj vortoj de la redakcio de la *Allgemeine Rundschau*:

« La pacekspozicio lokŝanĝa estas pruvsigno, montranta la en vastajn rondojn de franca popolo enpenetrantan pacamon. »

Litova katolika terkulturista semajna gazeto *Ukininkas* represis, en sia numero 19, ankaŭ tiun artikolon pri la Ekspozicio Lokŝanĝa en Francujo, tradukitan de Ignaco Zalys.

La jubilea numero de *Montserrat*, gazeto de la pilgrimejo, menciis la artikolon pri la abatejo enpresitan en antaŭa numero de K. V.

*De Echo van het Land van Cuyk*, Nederlando, en sia numero de la 20 junio, resumis la artikolon de D-ro Hinsenkamp pri la lingvo de la Vatikana radio-stacio.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ Parizo faris, lastan dimanĉon, belegan homaĝon al sankta Teresio el Lisieux. Pli ol 20.000 homoj partoprenis en ceremonio, kiu okazis en la parko apud la preĝejeto dediĉita al la Sanktulino ĉe la orfejo de Auteuil.

■ Komence de julio okazis la nacia Eŭkaristia kongreso franca en Lille. Ĝi estis impona manifestado religia. Pli ol 50.000 geknaboj partoprenis en la Diservo, ĵaŭdon la 2 julio, kaj la ferman procesion, dimanĉon posttagmeze, ĉeestis proksimume 200.000 personoj. Prezidis Lia Kardinala Moŝto Liénart, kiel Papa legato, kune kun du aliaj kardinaloj kaj 60 ĉefepiskopoj kaj episkopoj. La tuta urbo estis belege ornamita.

■ La reĝo de Belgujo donacigis de la Nacia Monprovizo por sciencaj esploroj la monsumon da 100.000 belgaj frankoj al Pastro Rutten, lasttempe forvojaĝinta al Ĥinujo por kontraŭbatali la tifuson. (*Fides.*)

■ Lasttempe, en la preĝejo de la Supera Seminario Regiona de [illegible] (Ĥinujo), Msro Montaigne, kunhelpa episkopo de Pekin, ordonigis ok presbiterojn, unu diakonon, ses subdiakonojn, sep eksorcistojn kaj akolitojn, deksep pordistojn kaj legistojn. Du aliaj presbiteroj estis ordinigitaj en siaj respektivaj vikariejoj. Tiel la Seminario havigis ĉi tiun jaron dek presbiterojn. (*Fides.*)

■ Dum la dekunua kongreso de la Internacia Federacio de la Katolikaj Studentoj « Pax Romana », kiu okazos en Fribourg (Svislando) de la 20 ĝis 26 julio venonta, estos organizata grava kunveno dediĉita al misiaj demandoj. De post kelkaj jaroj « Pax Romana » dediĉis grandan parton de ĝia agado al la misia movado ĉe la katolikaj studentoj kaj la lastaj jaraj kongresoj en Sevilla kaj München konstatis la jam trafitajn rezultatojn. Eminentuloj misiaj partoprenos en tiu speciala kunveno, kiun ĉeestos ĥinaj, hindaj kaj verŝajne negraj studentoj. (*Fides.*)

# Konnersreuth

Nia nuntempa generacio estas edukita laŭ la sugesto ke la scienco disponas pri senlima potenco, ke ĉiu enigmo kaj ĉiu mistikajo reveliĝas antaŭ ĝi. Konnersreuth pruvas, ke ne estas tiel. La scienco ne povas klarigi, kial elliĝas, ke Terezo Neumann povas vivi sen uzo de manĝajo. La multaj kurac-spertaj eminentuloj, kiuj observis tiun fenomenon, eĉ ne povis montri provon de klarigo. La metodoj de la tiel nomita bon-bazita scienco, kiu nur aprobas tion, kion oni povas pezi kaj mezuri, malfunkcias en la kazo de Konnersreuth nepre sen espero. Konata liberpensulo diris iam en sia prelego: « Mi sekcis centojn da homaj kadavroj, neniam trovante animon, sekve ne ekzistas animo. » En Konnenrsreuth montriĝis la ligiteco de animo kun la superecaj potencoj de la Transejo, la scienco, kiu neas animon, estas nun humiligata, ĉar ĝi staras nur kun fuŝaj provoj de klarigo antaŭ la mondo, kiu postulas de la scienco klarigon. Nur la insultata kaj malestimata teologio kapablas tiuokaze esti vojmontrilo. Sen ŝindevigo kaj klopodo la teologio ĝuste komentas la okazintaĵojn de Konnersreuth. Ili ne estas enigmo por tiu sciencfako. Kontraŭe, ĝi ekkonas la motivon kiel influo kaj efiko de la supernaturo, ĝi ekkonas Diajn destinon kaj revelaciojn.

Por la al Dio kreda homo la miraklo ne estas enigmo. Li ĝin konsideras kiel pruvon de la potenco de tiu, kiu regas super la tuta homaro — kaj laŭ la skribaĵo de Episkopo Waitz — oni konsideru tion kiel sciigon el la Transejo. La okazintaĵoj en Konnersreuth estas videblaj, eksterordinaraj pruvoj de la kredo al Dio, sed ili ne estas la fundamento de kredo. Kiu rifuzas konfirmi Dion, tiu ankaŭ ne konvertiĝas per mirakloj. Malgraŭ la multaj, grandaj mirakloj, kiujn la Savinto realigis dum sia surtera vivo, la obstinegaj leĝistoj kaj farizeoj malakceptis la veron kaj ili volis justigi sin per la komento: « Li plenumis la miraklojn kun helpo de Satano. »

La senpera interveno el la Transejo, tia, ke ĝi estas videbla eĉ por nekredantoj, estas eksterordinara maloftaĵo. Ĝi okazas kiel graco kaj ekstrema sav-rimedo por la homaro malleviĝanta en eraro. Kiam antaŭ cent jaroj la liberpensado agitis kaj konfuzis la [illegible] Germanujo la bildo de la suferanta kaj sanganta virgulino de Dülmen. Ankaŭ nuntempe ŝajnas, ke la homaro eraras pri si mem kaj pri siaj idealoj tiel, ke ĝi de si mem nur malfacile kapablos trovi la vojon al la vero. En tia situacio aperas al ni la gracoplena, ĝoje kaj feliĉe suferanta viziulino en Konnesreuth, kies famo disvastiĝas en la tuta mondo. Ŝi ŝajnas esti starigita kiel limŝtono por apartigi la spiritojn. Por la nekredantoj kaj skeptikuloj ŝi estas malagrabla frapo, fortigante ilian koleregon kaj senpotencon. Por la kredantoj ŝi servas kiel konsolo kaj plifortigo de la kredo. Por la senkulpe erarantoj ŝi estas kondukanto. Tiujn efikojn oni povas konstati, kvankam la Eklezio laŭ tradicia kutimo ne juĝis pri tiuj mirakloj. Tiuj okazintaĵoj el la Transejo estas de granda signifo por la homaro, kiu nur celas ĉi-mondaĵojn.

Maria Ŝot.

## La Societo por Eksterlandaj Misioj de Parizo dum 1930

La Societo por Eksterlandaj Misioj de Parizo jus publikigis la raporton pri la jaro 1930.

Tridek ses eklezioj distriktoj estas komisiitaj al la Societo en Ĥinujo, Japanujo, Hindujoj, Siamo, Hindoĉinujo kaj en Orientaj Hindujoj. Tiuj teritorioj enhavas enloĝantaron de proksimume 230.000.000 homoj, t. e. la sepono de la tuta loĝantaro de la terglobo. El ili 1.662.941 estas katolikaj.

Dum la jaro 1930, la bapto estis donita al 31.528 plenkreskuloj kaj al 63.175 infanoj de kristanaj familioj. Al tiu ciferoj estas aldonotaj 102.385 baptoj donitaj ĉe la morthoro al infanoj de paganaj familioj. Tiuj teritorioj enkalkulas 2.873 lernejojn kun 155.655 gelernantoj.

La Societo por Eksterlandaj Misioj de Parizo estis fondita en 1660. El ĝiaj membroj 50 estas nun episkopoj en misi-landoj, kie ilin helpas 1.059 misiistoj kaj 1.424 indiĝenaj pastroj.

Dum la jaro 1929-1930 la Societo transdonis la eparĥion de Kumbakonan (Hindujo) al la indiĝena pastraro, ankaŭ la apostolan vikariejon de Shunting kaj Wanshien kaj la jus starigitan apostolan prefektejon de Yachow, en Ĥinujo. (*Agentejo « Fides ».*)

# Junaj pacaj batalantoj

La Paca Ligo de germanaj katolikoj invitis la Berlinajn katolikajn esperantistojn al sia kunveno, la 8 junio 1931. La Paca Ligo esprimis la deziron kunlabori kun la esperantistoj: per Esperanto por paco.

La plej bela punkto de la programo estis jena: 15 knabinoj, lernantinoj de Frl. Schelchen, rakontis pri sia korespondado kun eksterlandanoj, ne nur kun junuloj, sed ankaŭ kun plenkreskuloj.

Plej bonan efikon havis la paroladeto de unu knabineto, kiu menciis, ke ili korespondante kun multaj infanoj el ĉiuj mondpartoj jam ĝojas kaj esperas, ke ili baldaŭ povu korespondi kun la negraj infanoj en Afriko. Riĉa aplaŭdo sekvis la paroladetojn. La prezidanto de la Paca Ligo, la registara konsilanto S-ro Kloidt, elkore dankis la infanojn kaj ilian instruistinon. Li diris, ke nek vartbfolioj nek la plej bonaj paroladoj tiom valorus kiel tia praktika *laboro de la inf. . oj por paco.*

Fine li invitis ĉiujn katolikajn esperantistojn el la tuta mondo, viziti la mondpacan kongreson en novembro de tiu ĉi jaro en Berlino. La kongreso estos malfermata per solena Diservo en la nova « Pacpreĝejo » de Berlin

Helpu al ni Berlinaj katolikaj esperantistoj kunlaborante kun la Paca Ligo de germanaj katolikoj batali per Esperanto por paco.

Edmund Bartsch.

# LETERO EL SVISLANDO

### Diamanta jubibeo de la kolegio « Maria Hilf » en Schwyz

Jam pasis 75 jaroj depost la fondiĝo de la fama kolegio « Maria Hilf » en la afabla urbeto Schwyz. En la jaro 1856 malfermiĝis la domo en la nuna formo sub gvido de Frato Theodosius Florentini, kaj evoluiĝis dumtempe, kiel unu el plej unurangaj instrukaj edukejoj ne nur de katolika Svislando, sed de malproksimaj landoj. La jarraporto 1929-30 registras 44 profesorojn kaj 12 helpinstruistojn inter kiuj 33 pastroj, kaj proksimume 600 lernantoj studas en la kolegio.

Nuntempe « Maria Hilf » konsistas el gimnazio, [illegible], precipe por francaj, hispanaj kaj italaj lernantoj, mez-lernejo kaj industri-lernejo konsistanta el du fakoj: komerco kaj tekniko.

La jubileofestoj komencis dimanĉon la 31 majo per ĉefkunveno de iamaj industrilernantoj (V. E. J.). La italaj sekcioj Genova kaj Milano estis riprezentataj de 160 personoj. Per 40 aŭtomobiloj ili veturis al Schwyz kaj alvenis antaŭ la belege iluminata kolegio sabaton je la naŭa vespere, salutataj per la kolegia muziko kaj la entuziasmaj Eja-vokoj de la italaj studantoj. Estis ĝoja kaj kara revido, kiu atestis la amon kaj fidelecon al la kolegio, ĉar inter la gastoj troviĝis multaj, kiuj la karan studejon ne plu vidis dum 30, 50 kaj pli da jaroj.

La jubilea tago, samtempe festo Maria Hilf, fariĝis laŭ decido de la estraro unue danktago al Dio. Pro tio la taga ĉefpunkto estis la Diservo. Post solena enir sekvis impona predikado de Lia Episkopa Moŝto D-ro Aloisius Scheiwiler, el Sankt-Gallen. Jen patra karo diris al la kredantoj, kaj rakontis kunsente pri la granda mizero de la nuntempo. Poste la historia returnrigardo de Li gvidis nin en tiun kulturbatalan tempon, kiam multaj el niaj belegaj monaĥejoj trovis subitan nemeritan subiron. La pontifika meso celebradis Lia Episkopa Moŝto D-ro Antonius Gisler, el Chur. La studantaro kantis tre plaĉan orĥestromeson de Weikrich. Post la Diservo la tuta gastaro estis fotografata antaŭ la ĉefportalo. La tagmanĝo okazis en la granda manĝejo de la kolegio. La jam grizhara, ĉie tre ŝatata Rektoro Pastro Alois Huber antaŭlegis kelkajn alvenitajn bondezirtelegramojn, el ili unu de lernanto el la jaro 1858.

Posttagmeze okazis bela koncerto en la teatra salono kaj la oficialaj paroladoj kaj salutadoj i. a. de la prezidanto de « Alt-Suitia » Redaktoro Auf der Mauer, la altestimata Rektoro Msro D-ro Huber, Episkopaj Moŝtoj Ant. Gisler kaj Al. Scheiwiler, k. a. Vespere okazis tre bela kaj impona torĉirado tra la urbeto. Je la lasta festotago mardon la nunaj kaj iamaj kolegianoj faris ekskurson al la belega « Rigi ». Entute la tagoj estis ĝojplenaj kaj memorindaj, ĉar inter iama amikaro ĉiam estas bele kaj interese. La kara kolegio « Maria Hilf » floru kaj kresku ankoraŭ dum tre longa tempo por la bono de la homaro!

Dedelakre.

# EL LITOVUJO

### Bedaŭrinda fakto

Oni jam scias, ke en Litovujo estas malamikaj rilatoj inter spirita kaj ŝtata potencoj. Malgraŭ persekutado de la katolikoj (« dank »' al la ŝtata registaro), la pli granda parto de la geloĝantoj estas katolikaj. Kompreneble, estas ankaŭ perfiduloj, kiuj pro mono laboras al la « perdo » de la Eklezio. Kvankam Kristo diris: *Ædificabo Ecclesiam et portæ inferi non vincebit eam,* tamen la ŝtata registaro persistas batali per justaj kaj maljustaj iloj (ekzemple: preso, tribunalo, spionoj, ktp.) kontraŭ la Eklezio.

En ĉi tiu jaro en nia lando okazis kaj okazos kelkaj Eŭkaristiaj kongresoj kun partopreno de litovaj episkopoj. Ankaŭ oni estis travidita, ke en ĉiuj kongresoj ĉeestos la Papa nuncio, Msro Bartoloni.

La ŝtata registaro timis, ke dum la ĉeesto de la nuncio multaj geloĝantoj — eĉ « pajlaj katolikoj » — ricevus simpation al la spirita potenco. Ĉar la unua Eŭkaristia kongreso de eparĥio Vilkaviŝkis okazis de la 5 ĝis 7 junio la ŝtata registaro klopodis, kiel eble plej rapide forpeli la papan nuncion. Unue ĝi volis tion fari per « diplomata » maniero. Ĝi volis ordoni al la litova riprezentanto ĉe la Vatikano, S-ro Ŝaulys, forlasi Vatikanon, kaj sekve, kompreneble, la papa nuncio, kiu lasttempe ne estis en Litovujo, ne ricevus permeson eniri Litovujon. Kia klopodaĉo! Eĉ tiu fi-plano malsukcesis, ĉar S-ro Ŝaulys estis en iu ajn kuracejo dum la papa nuncio eniris Litovujon. Tial restis unu sola rimedo al la ŝtata registaro... Ĉi tiun aĉan rimedon ĝi uzis.

La ŝtata registaro ordonis al la papa nuncio tuj forlasi Litovujon post 24 horoj; alie ĝi estus forpelinta Lian Nuncian Moŝton pere de polico « kiel ordinaran eksterlandanon ».

Lia Moŝto ekplenumis la maljustan ordonon kaj la 6 junio forlasis Litovujon akompanata de ĉiuj litovaj episkopoj — escepte de la ĉefepiskopo de Kaŭnas, Msro Skvireckas, kiu tiutempe vizitis provincon kaj ne sciis pri tiu bedaŭrinda okazintaĵo — kaj de altrangaj pastroj, katolikaj eminentuloj, organizaĵoj, ktp. En la lasta stacio, ĉe germana limo, Virbalis, Lia Nuncia Moŝto dankis pro respekto, kiun litovaj katolikoj [illegible] al Li kaj transdonis siajn tutkorajn dezirojn al la litova katolikaro kaj adiaŭis...

Tiel povas agi registaro de katolika ŝtato. Bedaŭrinde, ke oni estas homoj por kiuj mono estas super ĉiuj liberecoj kaj rajtoj; homoj por kiuj ŝtato estas nur ilo de monprofito. Sed ni esperas, ke la *Regina Pacis* donos al ni trankvilecon kaj rajtojn.

### Cenzuro kaj translimaj gazetoj

Diversaj translimaj gazetoj estas plenaj per informojn pri Litovujo. Kompreneble preskaŭ ĉiuj korespondantoj, kiuj scias la nunan staton de Litovujo estas malamikaj al tiaj agoj de la ŝtata registaro. Tial la ministro por la enlandaj aferoj malpermesis la eniron en Litovujon de germana gazeto *Königsberger Allgemeine Zeitung* por ĉi tiu tuta jaro.

Ankaŭ modesta esperantlingva gazeto *Katolika Vivo* ne ĉiam povas atingi nin. Ekzemple cenzuro estas certe malpermesinta la eniron en Litovujon de la numeroj 6 kaj 12.

### Diversaĵoj

Porpastraj juĝprocesoj ne atingus sian celon, ĉar ankoraŭ la verdiktoj kuŝas sur papero.

Neniu pastro pagas la monpunon kaj ne pagos, en monaĥejon pro arestpuno laŭleĝe ne sendas, ne almetas la manon al ĉi tiu plenumo la episkopoj, ekzemple episkopo de Panevėzys.

Aliel estas kun studentoj kaj civiluloj. Punitaj studentoj perdas la ŝtatan subtenon (stipendion) kaj alimaniere puneblaj estas.

Ankaŭ fermita organizaĵo « At-Lai » ne formortas, sed vivas ekzemple, dum Pentekosto en Ŝauliai estis beno de ĝia standardo (kiu kostas proksimume 800 lidoj). Standardon benis Episkopo Reinys, ne malmultaj gegastoj estis kaj maljunaj kaj junaj, samideanoj ĉiuj, kaj el Kaŭnas, kaj el provinco. Intertempe, eble, ankaŭ ĉi tiu standardo staros en preĝejo, zonumita per nigra zono kiel aliaj kutimas jam stari post fermo de ĝies organizaĵo.

XXX.

# Ni serĉas

**korespondantojn en Pollando, Italujo, Jugoslavujo kaj Rumanujo. Sendu proponojn al la redakcio.**


**KATOLIKA VIVO**

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI

Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86

La direktoro akceptas mierkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI

Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ:

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas:

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo. Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando*: S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ª, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando*: S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.


# EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Katolikoj en Praha protestas kontraŭ la perfortaĵoj faritaj kontraŭ la katolikoj en Hispanujo kaj kontraŭ la Sankta-Patro kaj katolikoj en Italujo.

La 17 junio pasinta okazis en Praha granda manifest-protesto kontraŭ la supre nomitaj okazintaĵoj. La manifestadon prezidis kaj malfermis la profesoro de teknika altlernejo D-ro Karel Svoboda, bonveniginte la riprezentantojn de multaj katolikaj organizaĵoj kaj riprezentantojn de germanaj katolikoj en Praha. Poste li transdonis la parolon al Deputito V. Myslivec, kiu montris la evoluon de konfliktoj inter la Eklezio kaj ŝtatoj, transiranta al la nunaj okazintaĵoj en Italujo kaj Hispanujo, deklarante, ke neniu havas la rajton miksi sin kaj nuligi la organizaĵojn de la Sankta-Patro starigitajn.

Kiel pluaj oratoroj sekvis Redaktoro J.U.E. Antonio Stehlik, kiu per sia pasia parolado atentigis la katolikojn ĉe ni, por ke ili gardostaru kaj estu preparitaj, por ke io simila ne okazu ĉe ni. Plue parolis la riprezentanto de Katolika Agado Germana en Ĉ. S. R. Prelato D-ro Franz, kaj aliaj.

Je la fino de la manifestado estis voĉdonita telegramo sendota al la Sankta-Patro, kies teksto estis jena: « Katolikoj kunvenintaj en granda manifestado en Praha, sendas al la trono de Via Sankteco la esprimon de vera fideleco kaj fila amo, volante per tio doni al Via Sankteco la konsolon en tiel doloriga momento, kaj proklamas sin solidaraj kun la katolika junularo kaj Katolika Agado en Italujo. »

### Festoj honore al sankta Antonio el Padova en Praha okaze de lia 700-jara jubileo

Granda estas la amo kaj honoro de katolikaj Prahaanoj al la granda miraklofaranto Antonio el Padova, kaj ĝin dokumentis la festoj por lia honoro arangitaj en Praha la 7-14 junio pasinta. En la bele ornamita kaj renovigita preĝejo Nia-Sinjorino de la Neĝo, okazis serio da prelegoj de plej eminentaj oratoroj pri sankta Antonio, lia vivo kaj signifo por la nuntempo. Kiel krono de tio okazis, dimanĉon posttagmeze la 14 junio, solena procesio el la jam nomita franciskana preĝejo en Praha-II, al la preĝejo Sankta-Antonio en Praha-VIII. En la procesion, kiu daŭris pli ol unu horon, partoprenis multe da blanke vestitaj infanoj kun floroj en la manoj, kongregacioj, societoj kun siaj flagoj, katolikaj gimnastoj « Orel » (Aglo), ktp. Jen la honoro al la pandonanto de malriĉuloj.

Fr. Kudrna.

# LETERO EL AŬSTRUJO

■ Laŭ informo de la *Katholische Kirchenzeitung,* Salzburg, la administranto de la aŭstra parto de la eparĥio Brixen, episkopo D-ro Waitz, antaŭ nelonge ĉe granda kunveno de la katolikoj en Feldkirch (Vorarlberg) esprimis la konvinkon, ke la aŭstraj katolikoj en la venonta konkordato spertos venkon de la katolika idearo. Krom la kontraktoj en la edzeca juro oni ankaŭ devos alceli ordigon de la lerneja leĝaro. Se ja la lernejaj cirkonstancoj en Aŭstrujo en la praktiko estas tute kontentigaj, tamen la nuna lerneja leĝo pro ĝiaj malfeliĉaj formuligoj povas esti uzata de kontraŭreligiaj lernejaj aŭtoritatoj kontraŭ la Eklezio. Ni ja tre bone spertas tion en Wien.

■ Je la festo de Ĉieliro de Kristo en Wien sur la placo antaŭ la preĝejo Sankta-Karlo okazis tre granda kunveno de la infanoj, aranĝita de la *Wiener Kirchenblatt* kune kun la religiaj instruistoj. Pli ol 40.000 infanoj partoprenis en la demonstrado, kiu estis dediĉata al la memoro de la koncilio de Efeso kaj al la kulto de la Dipatrino. Kardinalo Ĉefepiskopo D-ro Piffl faris tre entuziasmigan paroladon al la infanoj.

■ En Linz-Urfahr oni konstruas per helpo de la katolika popolo pacpreĝejon, kiu forigos gravan malhavon je preĝejo, tipa por multaj loko en Aŭstrujo, kaj ne nur de grandurboj. Urfahr, nuntempe loĝata de 20.000 katolikoj, ankoraŭ ĉiam posedas la saman preĝejon kiel antaŭ ducent jaroj, kiam ĝi ankoraŭ estis fiŝista vilaĝo kaj sub imperiestro Josefo fariĝis paroĥo. La nuna preĝejeto nur havas lokon por 400 personojn!

■ De la 26 ĝis 31 majo okazis en Wien la ĉefkunveno de la Regna Organizajo de katolikaj virinoj de Aŭstrujo, prezidata de la prezidantino Dukino Fanny Starhemberg, kaj de Grafino Lola Marschall kaj D-ro Hildegard Burjan. Kardinalo D-ro Piffl salutis tiun fundamentan priparoladon de la tasko de katolikaj virinoj, duoble necesaj en niaj nuntempaj malfacilaj tagoj. En la interkonsiliĝoj partoprenis krom la delegitinoj el ĉiuj liglandoj de Aŭstrujo ankaŭ riprezentantinoj de la katolikaj virinaj asocioj el Germanujo, Italujo, Hungarujo, Svislando kaj Ĉeĥoslovakujo. En vico da referatoj kun sekvanta debato oni traktis: Katolika edzeco kaj moderna homeco (Abato D-ro Peichl, O. S. B.); Destino de la virino al la servo al la homaro (Oda Schneider); Pri popolpatrineco en la profesio de la instruistino parolis Emma Kapral; Pri la popolpatrinaj taskoj de la katolikaj virinoj en la prizorgado raportis laŭ konvinka nombra materialo Senatanino D-rino Pichl. Kunreferatoj pritraktis la temojn: Evolulaboroj je la familio kaj klerigo de la junaj patrinoj en la kadro de patrinaj rondoj. Pluaj konsiliĝoj okupiĝis pri la virino aganta en kampkulturo, komerco kaj industrio. Pri ĉi tiu temo parolis: Senatanino Dukino Starhemberg (La katolika virino en la agrikulturo), D-ro Steden (Lokigo de la kamparana virino en la aŭstra popolekonomio), D-ro Schmitz (Virina laboro, ekonomia krizo, kaj laborebleco), Senatanino Olga Rudel-Zeynek (Virino en komerco kaj metio), D-ro Schlösinger (Problemo de la socialsekuro). Fine estis pritaktata la problemo de la laboristino kaj de sia gajno por la katolika mondpercepto (Ĝenerala sekretario de la katolikaj laboristaj asocioj Hausleitner) kaj la praktiko de la laboristina organizado (D-rino Marianne Traub). Episkopo D-ro Waitz partoprenis en la debato pri tiu temo kaj akcentis la gravecon de la organizado de la laboristinoj. Pri la akademia virino temis jenaj referatoj de Ditta Danielski « Valoro de la virina studo por la personeco de la virino » kaj de Prof. D-ro Nowak « Akademianino en la popolkomuneco ». Krom la laborkunvenoj ankaŭ okazis festaranĝoj. En ili parolis i. a. D-ro Weber, Berlin pri « Sankta Elizabeto en la karitato kaj en la familio » kaj D-rino Edith Stein pri « Sankta Elizabeto, naturo kaj supernaturo en la formado de sankta figuro ». Laŭ la revuo *Das Neue Reich,* el kiu ni prenis ĉi tiun raporton, S ino urba konsilantino D-rino Motzko diris pri la lokigo de la katolika virina organizado en la Katolika Agado la jenon: « La Katolika Virina Organizado estu rigardata parto de la Katolika Agado. Kiel virina organizajo ĝi formas kun tiuj de la viroj kaj de la vira kaj virina junularo la ĉefapogiloj de la Katolika Agado. Ĉe tio ĝi konservas, laŭ la direktivoj eldonitaj de la Sankta-Patro, ĝian plenan aŭtonomion. La Katolika Virina Organizajo neeble povas esti sekcio de alia societo aŭ asocio. Tia strukturo mortbatus ĉiujn viv- kaj laborfortojn de la katolika virina movado. Sed plej grandan valoron havas por la Katolika Virina Asocio la organa kunlaborado kun la aliaj katolikaj societoj, precipe kun la virina junularo. La knabinaj societoj devas fariĝi junulinaj societoj, subtenante unu la alian oni plifaciligos la transiron de la pli maljunaj membroj en la Katolikan Virinan Organizajon.»

■ La naŭa datreveno de la heroe-kristana morto de Imperiestro Karlo de Aŭstrujo, kiu mortis en ekzilo sur la insulo Madeiro la 1 aprilo 1922 estis festata de Vienaj katolikoj per impresa eklezia procesio post la memormeso en la kapucena preĝejo al la memorkapelo en la preĝejo Sankta-Miĥaelo, ĉefe por preĝi por la graco de beatigo por la pia imperiestro, kies suferado kaj ofermorto montris lian tutan animgrandecon antaŭ la tuta mondo. La procesio, en kiu partoprenis la plej bonaj Vienaj societrondoj sub gvidado de la patroj kapucenaj, estis granda demonstrado por ĉi tiu pia opinio.

■ La Katolika Virina Organizajo transformis la malnovan abatejon Ossiach, en Karintio, en refreŝiĝejon kun 210 litoj. La hejmo ankaŭ servos kiel ekzercejo. La abatejo Ossiach fondiĝis antaŭ la jaro 1028 kiel benediktana monaĥejo. Per dekreto de Josefo II-a ĝi estis sekularizita en 1783. De tiam la konstruajoj estis treege malzorgataj, la preĝejo eĉ servis dum kelka tempo kiel stalo.

■ La preĝejo de Wien-Lichtental, fame konata en la tuta mondo kiel Schubert-preĝejo, ĉar tie agadis Franz Schubert, la fama komponisto, kiel instruisto-orgenisto, estas en danĝero perdi multvalorajn artajojn. Ĉiuj pentrajoj kaj freskoj, plejparte verkoj de la famaj pentristoj Franz Zollner kaj Leopold Kuppelwieser, la talenta amiko de Franz Schubert, jam estis tiel detruitaj per la tempo, ke ili estas tute perditaj, se ne tre baldaŭ okazos renovigo. La paroĥestro de Lichtental nun klopodas havigi al si per diversaj aranĝoj la necesajn sumojn, ĉirkaŭ 30.000 ĝis 40.000 ŝil., kaj oni esperas ke li sukcesos malgraŭ la mizeraj ekonomiaj cirkonstancoj.

■ La 1 junio festis unu el la plej bonaj kaj plej subtilaj orgenartistoj de Stirio, Prof. Mauritius Kern, la 40-jaran jubileon kiel ĥordirektoro. Pro tio okazis en la urba ĉefpreĝejo de la Plejsankta-Sango, kie la jubilanto agadas depost la 1 majo 1915, solena Diservo, celebrita de preposto D-ro Schellauf mem, kaj estis transdonataj al Prof. Kern la papa ordeno « Pro eclesia et pontifice » kaj la « Honorinsigno por meritoj por la respubliko



Profesoro M. Kern

Aŭstrujo ». Filo de modesta kamparana familio, Kern studis en la instruista seminario, sed poste tute transiris al la muziko. Liaj kapabloj, precipe lia majstreco sur la orgeno, tiel famigis lin, ke li, eĉ ne jam 20-jara, estis vokata kiel ĥordirektoro al la novekonstruita preĝejo de la Plejsankta-Koro en Graz, de post la 1 junio 1891. Sed jam la 1 marto 1899 li estis vokata al Wiener-Neustadt (Malsupra Aŭstrujo) kiel ĥordirektoro en la preposta kaj ĉefpreĝejo. Krom lia funkcio en la preĝejo li tie fervore kaj sukcese agadis kiel orgenvirtuozo en koncertoj. kiel instruisto en la landa instruista seminario, li estis invitata direkti la domkoncertojn ĉe Ĉefdukino Maria Josefa (patrino de la lasta aŭstra imperiestro Karlo) kaj ĉe Dukino de Parma. Lia famo kiel instruisto, direktisto kaj orgenartisto estis ĝenerala kaj nur la ĉiamaj personaj klopodoj de Preposto Schabl en Graz insigis Prof. Kern fine reveni en tiun urbon kaj transpreni la oficon de ĥordirektoro en la ĉefpreĝejo de Graz, kie li nun ankoraŭ, altŝatata agadas. Ĉiuj kiuj konas Prof. Kern kaj aŭdis liajn majstrajn kaj subtilajn improvizajojn sur la reĝino de la muzikinstrumentoj, la orgeno, vere ĝojas pro la honorigoj kaj deziras, ke Majstro Kern ankoraŭ tre longe konduku la animojn sur la flugiloj de la muziko al Dio, la solan kreinton de ĉiu beleco.

■ Nunjare pasis 300 jaroj depost la finkonstruado de la malnova universitata preĝejo en Wien. Ĝi apartenas al tiu tempo de la kontraŭreformacio en kiu konstruiĝis multaj preĝejoj de Wien kaj fondiĝis multaj monaĥejoj. Imperiestro Ferdinando II-a ja volis atingi la unuecon en la lando per tio, ke li metis la edukadon kaj instruadon en la manojn de la Jezuitoj. Por tiu celo li transdonis al ili, kiuj jam posedis du teologiajn katedrojn, ĉiujn katedrojn de la teologia kaj filosofia fakultato. Por ke la nova fondajo, kiun faris necesa la universitata instruofico, ankaŭ ricevu preĝejon, en kiu povas esti festata la Diservo je la komenco kaj fino de la lerneja jaro, oni konstruis ĉi tiun preĝejon. kiu ankaŭ kiel triumfa konstruo post la batalo ĉe la Blankamonto (Bohemio) estiĝis grava. Sed kiel la tempo mem pro multaj ĥaosoj en la kredo aspektis malvarma kaj dezerta, ankaŭ la internajo de la universitata preĝejo unue restis senornama kaj nuda. Ĝia ornamado en superriĉa mezuro devas esti ligata kun la venko de la kontraŭreformacio kaj kun la religia evoluo kaj estis finita post 1702 de la Trentano Andreo Pocco, kiu estis laikula frato kaj samtempe fama arkitekto kaj pentristo de la Jezuitoj. Oni do povas rigardi la universitatan preĝejon en ĝiaj du manieroj brilan monumenton de la animstato kaj kulturo de la tempo. La preĝejo ekstere aspektas tre modesta. La antaŭfronto montras fasadon, flankumitan per du kvadrataj turoj, kun ĉefa kaj du apudaj pordegoj kaj kvadrataj fenestroj. En la niĉoj staras statuoj de sanktuloj. La aliaj flankoj de la preĝejo estas tute ornamita. Interne ĝi estas laŭ puraj klasikaj formoj kaj estas ekzemplo de ĝia stilo. Tio ne estas la « Jezuita stilo » sed stilo, kiu formas fruan fazon en la transiro de la malfruiĝinta gotika sentado al la pura baroko. La unuŝipa interno estas ĉirkaŭata de po kvar kapeloj. La bildo de la ĉefaltaro prezentas en la supra parto scenon de la ĉieliro de Mario kiel vizio, en la malsupra parto la batalon sur la Blanka monto. La originalo de Pocco, fama kiel la plej granda kaj valora verko de la preĝejo, nuntempe estas anstataŭata per pentrajo de Kuppelwieser. Ankaŭ ĉiuj aliaj pentrajoj, meblajoj kaj la baroka pupitro, unu el la plej belaj de Vieno, havas altan artan valoron. Sama estas la sakristejo konata, kiel unu el la pompaj de Vieno.

■ En la X-a distrikto de Vieno estas konstruata nova preĝejo de la ŝuitaj Karmelanoj, por anstataŭi la provizoran preĝejon detruitan de brulego. La Didomo, kiu havos lokon por 4.000 personojn, estas konstruata laŭ amerika maniero kaj estos la unua ŝtalpreĝejo de Vieno. Grandega fera trabaro formas la ripojn de la preĝejo, kiu en la kripto kaj en la alligitaj kongregaciaj ĉambregoj donos lokon al pluaj 3.000 personojn, tiel ke ĝi estos kun loko por entute 7.000 personojn unu el la grandaj preĝejoj de Vieno. La konstrumaniero el ŝtalo kaj betono permesas amerikan rapidecon, tiel ke la preĝejo jam en aŭtuno estos konsekrata.

■ La ekzercadverko por la ĉefeparĥio Vieno raportas, ke, en la jaro 1930, 8.667 personojn faris religiajn ekzercojn. La nombro de la partoprenantoj, kiu en 1925 nur estis 5.144 do tre kontentige kreskas. Estas je dispono kvin ekzercdomoj. Krome 30 monaĥejoj kaj institutoj akceptas ekzercantojn.

Karl Dürschmid.

**Propagandu ĉien nian gazeton**



# LA ARĜENTA MONERO

*malnova legendo de nekonata aŭtoro esperantlingven tradukita de* Alois Berndl

(*Daŭrigo.*)

Oni tiris la ŝnuregon, la ega koloso malrapide ekmoviĝis, la svinglilo albatis kaj profunde ega sono aŭdiĝis el la sonorilo: sono, tiom terura kaj timiga, tiom ĝemanta kaj plendanta, ke ĉiuj aŭskultantoj preskaŭ svenis pro teruro.

« Tian teruran dolorkrion ne ankoraŭ aŭdis la mondo, diris maljuna monaĥo, tio estas krio kiel petego de kondamnitoj en la infero. »

Teruran timon kaj malesperon kaŭzis la sonoraĉado de la sonorilo en la koroj de la monaĥoj.

« Tiel senkonsole kaj malespere plendkrias nur la kondamnitoj en la eterna abismo », diris alia monaĥo.

« Ĉi tiu sonorilo ne taŭgas, ĝi ne sciigas pacon kaj benon de Dio, sed malbenon kaj senripozan maltrankvilon, diris tria.

Fervorega estis la sonorado de la fatala sonorilo. La homoj el la ĉirkaŭajo alvenis kaj demandis kun teruro, kia okazis malbono, la bestoj time sin kaŝis, la monaĥoj mem timiĝis kaj teruriĝis dum la kriega, oston kaj medolon penetranta sonoro, kiu trakuris la aeron, kvazaŭ vana helpkriado, timego kaj malespero de homo en danĝerego.

« Sufiĉe, diris la abato profunde ekskuita, lasu ĝin pendi trankvile kaj ne plu sonorigu ĝin, la aliaj sonoriloj servadu anstataŭ ĝi. »

Kaj oni detranĉis la ŝnuregon, tiel ke la sonorilo pendis supre, solece kaj neuzate.

Dume la sankta fastotempo estis pasinta preskaŭ ĝis la fino. La Pasio-dimanĉo kun la sekvanta al ĝi semajno estis pasinta, la Palmdimanĉo estis festata kaj komenciĝis la sankta antaŭpaska semajno.

Jam depost kelkaj tagoj la sonorilo, en kiu estis enfandata la arĝentmonero de la perfidulo, iam kaj iam aŭdetiĝis, kvazaŭ ĝi estus movigita de nevideblaj manoj. Mistera zumado, senripoze, malespere ploranta sono aŭdiĝis el ĝi vespere kaj dumnokte; ju pli alproksimiĝis la memortagoj al la kara Savanto, des pli forta kaj daŭranta iĝis ĉi tiu sono.

En la monaĥejo regis sankta, serioza trankvileco. Kun profunda retiriĝo kaj maldistreco la monaĥoj pensis dum ĉi tiu tagoj nur al unu: al la Savanto kaj lia suferado. De horo al horo ili kvazaŭ akompanis Lin en liaj doloroj kaj turmentoj kaj neniu monda penso, plu estis en iliaj animoj. La sufero de Kristo, tio estis ilia sola penso, ilia ekzemplo, ilia edifo, ilia konversacio, ilia sonĝo dum la mallonga tempo de la nokta dormo. Pli ol iam antaŭe estis vekiĝintaj en ili la amo al la Savanto, la kompato pro liaj doloroj kaj la ekkono pri Lia nedirebla amo. Ĉiu ĝoje estus rezigninta la mondon kun ĝia tuta beleco, se li estus trovinta sin antaŭ la alternativo, forlasi la mondon aŭ ofendi la Savanton.

Tiamaniere alvenis la vespero antaŭ la Sankta Ĵaŭdo, la vespero antaŭ la tago, dum kiu la Sinjoro testamentis sian korpon kaj sangon kiel ĉielan manaon por la homoj, kaj poste iris al sia sufero.

Ĉiuj monaĥoj solene estis kunvenintaj en la konferenca salonego, kie regadis profundega silentado. Unu serioza, plensonora voĉo laŭtlegis la Evangelion, kiel Kristo kun siaj apostoloj kaj disĉiploj sidis la lastan fojon ĉe la sankta vespermanĝo, kion li diris al ili kaj kiel li laŭte preĝis por ili al la Patro.

Kaj per samesona solena voĉo la leganto pluen legadis:

« Kaj dum ili manĝis, li diris: Amen! mi diras al vi, unu el vi perfidos min! Kaj malgajege ili diris unu post la alia: Ĉu almenaŭ ne estas mi, Sinjoro? Sed li respondis: Kiu kun mi metas la manon en la paton, tiu min perfidos. La filo de la homo ja iras laŭ la Skriboj, sed ve al la homo, de kiu la filo de la homo estis transdonata. Estus bone, se ne estus naskiĝinta tiu homo. Sed respondis Judas, kiu estis perfidonta lin: Majstro, ĉu ne estas mi? Li diris al li: Vi elparolis ĝin. »

Dum tiu ĉi timiga sceno, iam okazinta inter la Sinjoro kaj Judas en la Salonego en Jerusalemo, estis laŭtlegata en la konferenca salonego de la monaĥejo, oni iam kaj iam aŭdis la sonoron de la Petro-sonorilo, kiu supre en la turo ŝajne estis movigata de la

# Letero el Hungarujo

### La balotado de parlamentanoj en Hungarujo

Okaze de la balotado de parlamentanoj en Hungarujo, Lia Kardinala Moŝto Justiniano Serédi, hungara princprimato, en sia paŝtista letero unu grandan principon fiksas kaj tri gravajn devojn antaŭskribas por la katolikoj.

La principo: Tiu ĉi balotado estas eksterordinare grava, ĉar de ĝi dependas ĉu la progreso, ĉu la malprogreso de la hungara popolo.

Unua devo: Ĉiu homo devas voĉdoni, kiu havas voĉdonrajton.

Dua devo: Estas malpermesite voĉdoni por kandidato, kiu konfesas principojn kaj programon kontraŭ la katolika Eklezio.

Tria devo: Ni voĉdonu por kandidato, kiu la katolikan kredon kaj konvikiĝon efikas en la vivo de ŝtato.

### La pilgrimprocesio de Budapeŝtaj viroj al Mária Besnyő

La virpilgrimprocesio de Budapeŝto al Mária Besnyő ĉijare ankaŭ brile sukcesis. Pli ol 10.000 viroj partoprenis en ĉi tiu edifa demonstrado de la Kredo. La procesion gvidis Lia Episkopa Moŝto Stefano Hász, kiu sur la pilgrimloko belegan predikon faris al la viroj. La bonegan aranĝadon entreprenis P. Tomaso Omerovich, Jezuito, kiun helpis ankaŭ la fervoraj kongregacianoj.

Belega kaj neforgesebla estis la reveno vespere. Granda amaso de hejmerestintoj atendis la pilgrimantojn ĉe la Orienta stacidomo, kaj aliĝinte al la procesio kun brulanta kandelo en ĉies manoj ili reiris en la preĝejon.

### Sanktaj mesoj en la stacidomoj

En Budapeŝto en ambaŭ ĉefstacidomoj Orienta kaj Okcidenta, dum la somero ĉiudimanĉe kaj festtage, je la 6-a horo, estas sankta meso por ekskursantoj kaj turistoj, kies vagonaro frumatene ekiras. Tiamaniere volas helpi nia Patrino la sankta Eklezio ĉiujn siajn infanojn, ke ili povu plenumi siajn religiajn devojn. Afiŝoj montras la direkton gvidantan al la ejo, krom tio katolikaj skoltoj staras serveme je la dispono de kredularo.

### Konatigo de « Rerum Novarum »

La Scienca Unuiĝo de Universitata Kolegio Sankta-Maŭro en Pécs laŭregule aranĝas siajn kunsidojn dum kiuj aktualaj temoj kaj problemoj estas konatigataj kaj klarigataj por la universitataj gestudentoj kaj interesiĝantoj.

Okaze de la antaŭlasta kunsido, D-ro Georgo Hajos, profesoro pri teologio kaj subdirektoro de la kolegio, faris tre interesan prezentadon pri la enciklikо *Rerum Novarum*, kiun nun la tuta mondo jubileas, kaj aparte klarigadis detale ties unu gravan demandon: la salajrodemandon. La prezentadon kun granda atento aŭskultis la tuta ĉeestantaro. Tiamaniere la direkcio kaj junularo de kolegio Sankta-Maŭro tre ĝuste aliĝas al la grandaj problemoj de la homaro.

Dum la lasta kunsido, D-ro Justiniano Baranyai, Cisterciano, profesoro ĉe la scienca universitato Pázmány Peter en Budapeŝto, same interesan prezentadon faris kun titolo: « La Eklezio kaj la Socio en la XIX-a jarcento ».

### Monumentmalkovro al du formortintaj universitataj profesoroj en Pécs

Dum la lasta jaro la hungara scienca vivo de du valoraj scienculoj malriĉiĝis; la neesplorebla dia volo du brilajn animojn liberigis de siaj polvujoj kaj prenis ilin al Li. D-ro Paŭlo Heim, universitata profesoro, la fame konata infankuracisto, direktoro de la pri li nomita infankliniko en Pécs, la boneca « doktoĉjo » de la etuloj, pasintjare; kaj D-ro Soma Beck, universitata profesoro, direktoro de la haŭtkliniko en Pécs, antaŭ kelkaj monatoj mortis.

Menciinde estas, ke ambaŭ kuracistprofesoroj estis profunde religiemaj (la lasta konvertito), kiuj ĉiam estis videblaj dum la sanktaj mesoj, kaj ĉiujn iliajn agadojn impulsis la amo al Kristo, la homa karitato.

Nun la senfina dankemeco de iliaj gelernintoj, sed precipe la dankemeco de sennombraj kuracistoj levis monumenton je iliaj memoroj en la ejoj de iliaj laboradoj, en la klinikoj, kiuj pasintmonate estis malkovritaj en ĉeesto de Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág, la urbestro, universitata profesoraro, universitataj gestudentoj, ekleziaj kaj mondaj eminentuloj.

### Sankta Meso por ekskursantoj kaj turistoj en Pécs

La bonaj Franciskanaj Patroj, kiuj tiom prizorgas la animojn, en tiu ĉi jaro denove dum tuta somero dimanĉe kaj festtage, je la 5-a horo, diras sanktan Meson en la franciskana preĝejo por la ekskursantoj kaj turistoj, tiamaniere volante atingi, ke eĉ la naturamikoj povu plenumi siajn plej sanktajn devojn kontraŭ la bona Dio, kaj kun Lia beno pasigu la tagon en la bela naturo.

### La jubileaj festenoj honore al sankta Antonio en Pécs

Sendube sankta Antonio el Padova, aŭ kiel oni nomas Lin « la Padova Lilio », estas la plej konata, plej multe amata kaj estimata Sanktulo inter la Sanktularo. Al Li sin turnas homoj ĉagrenitaj, persekutitaj, kaj al Liaj malriĉuloj donacas siajn donacojn tiuj, kiujn pere de Li la dia graco konsolis kaj restarigis. Antaŭ Lia bildo aŭ statuo genuiĝas la almozpetanto por petegi de Li la nuran ĉiutagan panon, kaj la riĉulo por peti al la jam posedanta pano ankoraŭ unu pecon. Kaj Li ĉiujn aŭskultas, ĉiujn helpas. Li sekigas la larmojn de la sulkita laborista vizaĝo, kaj la larmojn de pompe vestita eminentulo. Ĉies larmojn, ame, milde, en nomo de Jesu-Kristo.

Sed sankta Antonio estas honorata ne nur de katolikoj, sed ankaŭ de hebreoj, protestantoj. Miaj hebreaj konatuloj, kuraciststudentoj antaŭ ĉiu rigoro aŭ ekzameno sendis pere de mi ian monsumon al sankta Antonio, por ke Li helpu ilin, kaj efektive la ekzamenoj ĉiam sukcesis. Konatulinoj hebreaj antaŭ pritraktado de proceso ĉe Tribunalo ankaŭ mondonacis al sankta Antonio, por ke Li helpu triumfigi la verecon. La proceson ili gajnis.

En Hungarujo ne ekzistas preĝejo aŭ kapelo, kie bildo aŭ statuo ne troviĝus de tiu ĉi kara populara Sanktulo. Kaj nun, en tiu ĉi jubilea jaro, tiuj ĉi bildoj kaj statuoj estas belege ornamitaj per floroj, elektraj lumigadoj, kaj antaŭ ili en ĉiu horo de la tago estas longa vico de piuloj, kiuj kun larmoj en siaj okuloj diras dankon por tiom da graco, kiujn pere de Li donis al ili la ĉiopovanta Dio.

La jubileaj festoj en Pécs komenciĝis per tagnaŭo. Patro Juvenál Jagicza, franciskana monaĥestro, kaj Patro Szaléz Kiss, franciskana magistro, dum naŭ tagoj konatigis la brilajn lumigantajn virtojn de la jubileata Sanktulo, kaj entuziasme instigis ĉiujn Liajn estimantojn por imiti Lin. La festan sanktan meson celebris Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág, kaj en sia prediko belegan allogan bildon starigis pri sankta Antonio antaŭ la ĉeestantaro. Je tagmezo la Franciskana Ordeno 400 malriĉulojn abunde gastregalis. Neforgeseble ĉarma kaj kortuŝa estis vespere la procesio de la etuloj. Miloj da malgrandaj infanoj en blankaj vestaĵoj kun lilio en siaj manoj jubileis kune kun la plenkreskuloj la « Padovan Lilion » entuziasme kantante:

> Miraklojn por ke vi vidu
> Al Sankt' Antonio ĉiuj venu...

Por fari la jubilean feston pli brila, preĝeja koncerto ankaŭ estis aranĝita, kies programo konsistis el la plej valoraj ekleziaj klasikaj muzikverkoj prezentitaj per orgeno, violono kaj kantado.

Nun, kvankam per *Te Deum* la jubileaj festenoj estas jam finitaj, tamen la animojn de la loĝantaro de Pécs iu festa edifa sento regas senĉese. Donu la bona Dio, ke tiu ĉi sento estu kapabla ĉies animojn transformigi kaj fari simila al tiu de nia kara jubileata Sanktulo « Padova Lilio ».

HELENO FIEDLER.

# El malantaŭ la ruĝa limo

### Radio-danĝero

La Sovetaj Potencoj uzas kaj misuzas radio-dissendojn por propagandi la sendiulajn ideojn. Sed ne ĉiuj rusoj kontentiĝas pri tiaj dissendoj. La polico malkovris ja, ke multaj homoj en la vilaĝoj, kie la preĝejo estis fermita, kunveniĝis en domon de unu aŭ alia, kiu posedas radio-ricevilon, por aŭskulti Dieservon celebratan en alia lando kaj transsendatan per radio-posteno. La rusa popolo malgraŭ ĉiuj persekutoj kaj sendiulaj propagandoj restas religia. Kaj radio helpas nun kontentigi ĝian religiemon.

### Nova kontraŭreligia universitato

La kontraŭreligia agitado en Sovetujo ĉiam bezonas pli kaj pli da « apostoloj ». Tial oni decidis fondi novan kontraŭreligian universitaton en Tamboff. Ĝia celo estas prepari 200 diplomitajn kontraŭreligiajn agitistojn. La elspezojn pagos la komisarejo de la publika instruado.

### Eniro en preĝejo malpermesata por junuloj

La sendiuloj jus faris novan proponon al la soveta registaro. Ili postulas, ke nova artikolo estu aldonata al la leĝo, kiu malpermesas la eniron de junuloj en trinkejojn, noktajn amuzejojn, por ke estu ankaŭ malpermesate al ĉi tiuj eniri en... preĝejon! Sen komentario!

### Estas infanoj ankoraŭ kristanaj

Ĉiuj knaboj ne estas ankoraŭ sendiulaj. La Sovetoj jus tion sciis. En lernejo de fabrikejo la sendiula klubo estis organizinta kontraŭreligian manifestadon. La lernantoj protestis jetante ŝtonojn kontraŭ la fenestroj de la lernejo kaj tiel malhelpis la kunvenon. Ekzistus en tiu lernejo asocio, kies anoj surportus kruceton kiel rekona insigno. La G. P. U. informis la gepatrojn, ke ili estas tuj denuncontaj la infanojn apartenantajn al tiu kristana asocio; alie ili ne plu ricevos provizumkarton.

### Espero en la Papo

Antaŭ la revolucio malmultaj rusoj ion sciis pri la Papo. Nun ĉiuj rusoj scias, ke ekzistas Papo, kaj ke la estro de la katolika Eklezio estas potenca homo. La plimulto konsideras lin kiel bonfaranto de Rusujo. Kaj sekve disvastiĝas multaj legendoj pri li. La suferanta popolo jam antaŭvidas la alvenon de la Papo kiel savanto de la Rusujo; li liberigos la rusan popolon el la tiraneco de la Sovetoj. Tiuj popolaj fabeloj montras do, ke la rusa popolo ne estas feliĉa de la nuna reĝimo kaj sopiras al savo kaj liberigo.

PETROVIĈ.



*Bonvolu niaj abonantoj, kiuj sciigas nin pri ŝanĝo de adreso, aldoni al sia averto sumon da 1 fr. 50 (1 respondkupono).*

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo:**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXe).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).

---

nevidebla mano. Kvazaŭ ĝemo de kondamnito en la eterna abismo sonis tiu ĉi terura sonoro.

La leganto legis plue la ekzistigon de la sanktega Eŭkaristio kaj la komuniigon de la apostoloj per la propra mano de la Savanto kaj Dio, inter ili ankaŭ Judas, la malbeatulo, kiu malinde manĝis la korpon kaj trinkis la sangon de la Sinjoro. Kaj li legis la terurajn vortojn de la Sinjoro en la Evangelio de Johano: « Kaj vi estas puraj, sed ne ĉiuj. Ĉar li sciis, kiu estas transdononta lin, li diris: Ne ĉiuj vi estas puraj »... Kaj li legis pluen, kiel la Sinjoro profetis al siaj apostoloj la eternan feliĉecon kaj poste diris: « Ne pri vi ĉiuj mi diras tion, mi scias, kiun mi elektis, sed por ke veriĝu la Skribo: "Kiu manĝas kun mi, levas kontraŭ mi la kalkanon". »

Kaj plue legis la leganto la terurajn frazojn, kiel la Sinjoro donas al la malfidela disĉiplo la panon kaj foririgas lin: « Kaj post kiam li estis trempinta la panon, donis ĝin al Judas, la filo de Simon, nomata Iskariot. Kaj kun tiu ĉi pano eniris lin satano. Nun diris Jesuo al li: "Kion vi intencas fari, tion faru baldaŭ". Post kiam nun tiu estis manĝinta la panon, li foriris tuj. Sed estis nokto. »

Terurega, timiga sono haltigis la laŭtleg-antan monaĥon kaj ektimigis la senspire aŭskultantajn fratojn. Kvazaŭ movigite de fantomoj, de la turo aŭdigis sin la demona sonorilo per timiga bruado. Senfina doloro, nedirebla senkonsoleco, malespera dolorkriado, senespera pento, senpova furiozo kaj satana mokego — ĉiuj ĉi tiuj sonoj kune sonis en la kurioza sonorado.

La koroj de la fratoj preskaŭ rigidiĝis. Fine trankviliĝis la ekscito, la sonorilo silentiĝis kaj nur timiga zumado ankoraŭ tremis tra la salonego.

La abato solene leviĝis.

« Ho! miaj fratoj pro viaj nemorteblaj animoj kaj feliĉa morto mi petas kaj petegas vin, komuniu morgaŭ inde la sangon kaj la korpon de la Sinjoro! li diris. Tiu ĉi sonorilo, kies demonan sonoron ni jus aŭdis, rakontas al ni la tutan teruran malbenon, kiu trafos tiun, kiu estiĝas kulpa je la korpo kaj sango de l' Sinjoro per malinda komunio. Petu ni Dion kun larmoj kaj preĝoj, ke neniu Judas estu inter ni, kiam ni morgaŭ paŝos al la tablo de l' Sinjoro kaj preparu ni nian animon dum ĉi tiu nokto por inda komunio! »

Profunde ekskuite la monaĥoj forlasis la salonegon, por iri al ripozo en siajn ĉelojn. Sed ankoraŭ ili longe genuis preĝante ĉe sia kuŝejo, petis pardonon de Dio pro siaj jam longe konfesitaj kaj pentitaj pekoj, promesis ne plu peki intence kaj petis la Dipatrinon kaj ĉiujn Sanktulojn, ke ili helpu al ili, prepari sin por inda komunio.

La sekvantan tagon, la Sanktan Ĵaŭdon, kiam la honorinda maljuna abato dum la grandmeso komuniigis ĉiujn anojn de sia monaĥejo, brilis larmo de ĝojo en lia okulo. Kiom devocie kaj pie ili estis venintaj al la sakramento! Kia granda respekto, kia trankvila klareco kaj decidemo, kia sincera kaj naiva kredo, kia firma konfido, kia sankta serioza amo vidiĝis en la okuloj kaj vizaĝoj de tiuj, kiuj venis al la tablo de l' Sinjoro. Estis neniu, eĉ ne unu inter la multaj, kiu ne komuniis kun plej bona kaj plej sincera pieco.

« Do vi en via senfina kompato ŝanĝis la malbonon en bonon, la ilon la infero al gajno de la animoj, la teruran memorajon al la perfidulo de via korpo kaj sango al la pligrandigo de la adoro al vi! » dankis la abato al Dio post la finita meso.

Sed la fatalan sonorilon oni ne pli longe povis lasi pendanta ĉe la aliaj. Dum iaj tagoj kaj noktoj aŭdiĝis ĝia terura voĉo kaj ektimigis la korojn de ĉiuj, kiuj ĝin aŭdis, pro teruro kaj malespera timo. Kaj kiam sonoris la aliaj sonoriloj kaj inter ili ankaŭ eksonis ĝi, ŝajnis, ke la pura akordo ŝanĝiĝis en terura, infera vekriado, kiu ĝis malproksime disportis timon kaj teruron anstataŭ konsolo kaj gaja festoĝojo. Kaj dum ĝis nun ventegoj kaj fulmotondroj preteriris la monaĥejon, ili nun ĝuste super ĝi furiozis plej minacante kaj se la ventego blovis en la turon kaj movigis la Petro-sonorilon, tiel ke ĝi terure aŭdiĝis sin, ĝi ŝajne donis la signalon por la malliĝiĝo de ĉiuj inferaj potencoj kaj malbonaj spiritoj en la fulmotondro kaj la sonorado de la aliaj sonoriloj ŝajne ne plu ekis. Fulmoj terensaltis ĉirkaŭe, kvazaŭ flamantaj garboj, la krakegantaj tondroj tremigis la tutan monaĥejon kaj la nigraj nuboj kovris ĝin kvazaŭ nevidebla armeo de malbonaj spiritoj, kiuj volis pereigi ĝin per siaj atakoj. La pluvegoj dezertigis la ĝardenon, la fulmo disfendis la arbojn kaj la tuta monaĥejo troviĝis en vera doloro, kiam alproksimiĝis nova fulmotondro de la maro. La najbaroj kaj ĉirkaŭloĝantoj venis timigite kaj demandis, kien malaperis la gardo de la benitaj sonoriloj kontraŭ ventegoj kaj fulmotondroj; antaŭe ĉiuj fulmotondroj kaj ventegoj forkuris pro la sonoro de la benitaj monaĥejaj sonoriloj al la maro, nun ĉiu malbonvetero venas al la monaĥejo kaj ĝia ĉirkaŭajo kaj, anstataŭ la paca sonoro de la aliaj sonoriloj, kriegaĉas dum la tondroj la terura Judas-sonorilo kvazaŭ la mokridado de la diablo kaj instigas la furiozon de la elementoj al novaj dezertigoj. Do oni denove interkonsiliĝis en la monaĥejo, kion oni faru per la sonorilo.

*(Daŭrigota.)*



## TUNIZIO

### La katolika agado por la paco

Tia estis la titolo de la parolado de Pastro Suberbielle farita en Tunis en la granda ĉambro de la Palaco de la Francaj societoj.

Tiu konferenco anoncata per afiŝoj kaj ĉiuspecaj gazetoj faris famon en ĉiuj sferoj tiom antaŭ kiom post aŭdo.

Diru ni tuj, ĝi bonege impresis kaj ĉiu koro vere katolika, franca aŭ fremda, kiun maltrankviligas nenia troa ŝovina sento, ĝojis vidi pastron pritrakti tiel inteligente tiun pacan temon, hodiaŭ el la pli gravaj, pri kiu interesiĝas la tuta homaro.

Bravego do al Pastro Suberbielle en la nomo de la Tuniziaj katolikoj, servante al la sankta paca kaŭzo, vi servis Pastro, la sankan kaŭzon, kiun ni rigardas kiel tre grava, de la katolika Eklezio, tiel ege atakata, ofte malame, sed tro ofte nescie. Jes! pastroj de la dudeka jarcento necesas pli ol unu fojo deiri de la predikseĝo kaj de la sanktejo por paroladi al la popolo ĉe la « Forumo ».

En tiu lasta maja dimanĉo, festotago de la sankta Triunuo, ni memoru la rekomendon de la Majstro: « Iru, instruu ĉiujn naciojn en nomo de l' Patro kaj de l' Filo kaj de l' Spirito-Sankta ». Kaj estas por sekvi tiun parolon de Kristo, ke Pastro Suberbielle iris paroli al la popolo el supro de scenejo de publika ĉambrego.

Kaj la parolo de la apostolo iris rekte al la koro de la popolo, kiu komence estis surprizata per la kuraĝo de l' Pastro, kaj absorbata ĝi aŭskultis atenta, mirigata per la konciza argumentado de la paroladisto: li neniigis ĉiujn erarojn diritajn kaj ripetitajn kontraŭ la Eklezio. La ĉeestantaro pasiiĝis pri tiu temo pritraktata majstre kaj fine varbiĝis por la kaŭzo de la Katolika Agado por la Paco.

Tiel ke morgaŭe ni kontentege legis en la socialista gazeto, kiu ordinare atakas senĉese la Eklezion, tiujn liniojn, kiuj meritas esti reproduktotaj, tradukantaj perfekte la opinion de ĉiuj, kiuj aŭdis Pastron Suberbielle kaj lin aplaŭdis:

« Estas tre bela horo, kiun ni pasis hieraŭ aŭskultante Pastro Suberbielle paroli pri la Katolika Agado por la Paco.

» Kun profunda kaj sincera kredo, kiu ne malakordiĝis kun uzo de facila kaj volonte senĝena lingvajo, Pastro Suberbielle al ni diris tre rekuraĝigatajn parolojn.

» La katolikoj volas alporti sian ŝtonon al la konstruajo de la Paco.

» Dankegon al ili. Ne mankas laboro por la bonvolemaj homoj.

» Citante kun precizeco parolojn de Papoj, principe tiujn de Benedikto XV-a la granda kalumniito, Pastro Suberbielle montris, ke la Eklezio ĉiam decidis sian opinion por la Paco.

» Kaj estas kun emociita surprizo, ke ni lin aŭdis publike laŭdegi la verkon de la Societo de Nacioj kaj la devigan arbitracion. Ĉar, li diris al ni, tiu kiu eniĝis en konflikto ne povas ĝuste juĝi de kia flanko estas la rajto kaj konsekvence ne povas senkulpigi sin mem.

» Estas kun emociita surprizo ke ni ankaŭ aŭdis lin jesi kun Kardinalo Gasparri ke estis necese senarmigi kaj alveni al la forigo de la milita servo.

» Tamen, Pastro Suberbielle, kiu povas fidi ni tion certigas al li, al la ĉioma apogo de la socialistoj en la paca verko, kiun li tiel bele difinis, ne havos venĝemon kontraŭ ni se ni miksu je niaj gratulaĵoj kelkajn rimarkojn pri detaloj. »

Sekvas diskuto de la socialistoj pri iaj asertoj de la paroladisto pri « Internaciismo », kiu laŭ ili tute ne estas neo de la Patrujo.

Tre bone! Do ankoraŭ pri tiu vidpunkto katolikoj kaj socialistoj plene akordiĝas.

Ha! se tiuj bonaj socialistoj ne estus blindigataj per la religia demando, ili vidus ke siaj teorioj ne estas novaj kaj nur estas tiuj ke la Eklezio ĉiam predikis de post kiam super la bestmanĝujo de Bethleem resonegis la parolis de la anĝeloj: *Pax hominibus bonæ voluntatis!*

P. Carrière.

ĈU VI VOLAS KORESPONDI ? Skribu tuj al: Katolika Esperanto-Grupo, Planckstr. 117-II, Essen, Germanujo.



## LETERO EL NEDERLANDO

### Medicina helpo en la misioj

Ĉar Lia Papa Moŝto petas, dum ĉi tiu monato julio, specialan preĝon por la medicina helpo en la misioj, eble interesas al nia legantaro sciigi ion pri la Nederlanda agado sur tiu ĉi nepre necesa tereno.

« Ni vivas en tempo en kiu pli ol iam montriĝas, ke ĉiuj heroaj oferoj, kiuj akompanas la misiadon, ne plu sufiĉas, por akiri ĉiujn fruktojn de la laboro kaj de tiuj oferoj necesas nepre alvoki la helpon de la scienco » iam diris la nuna Papo, kaj laŭ tiu instruo okazis, en la lasta duonjaro de 1921, en Amsterdamo la unua medicina kurso por misiistoj, sub aŭspicioj de la Amsterdama Katolika Studenta Misiagado, kiu akiris bonegan sukceson.

El tiu unua klopodo rezultiĝis en oktobro 1922, en Utreĥo, la fondiĝo de medicina misisekcio de la Katolika Unuiĝo de Kuracistoj, kiu transprenis la de la studentoj komencintan laboron, el kiu fine kreskis la, en oktobro 1925, en Roterdamo, fondita Nederlanda Medicina Misiadkomitato, kiu nuntempe prizorgas la medicinan misiagadon en ĝia tuta amplekso.

Ĉiujare okazas tie medicinaj kursoj por misiistoj; konsilantaro, konsistanta el specialistoj donas konsilojn pri oportuneco de forsendado al la misio; dum speciala oficejo helpas la misiistojn per konsilo kaj ago pri medicinaj aferoj, rilatantaj ilin mem aŭ ilian misiregionon. Uunuvorte: ĝi funkcias ekstreme meritplene.

### Katolika Enciklopedio Nederlanda

Antaŭ nelonge fondiĝis redakcio-komitato, konsistanta el trideko da katolikaj scienculoj, sub prezido de Profesoro D-ro Ferd. Sassen, kiu prizorgos la eldonon de nederlanda katolika enciklopedio. La redakcio, kiu jam akiris la kunlaboradon de profesoroj de ĉiuj nederlandaj universitatoj (inklusive Leuven kaj Gent) kaj seminarioj, intencas doni al ĉi tiu grava verko nacian karakteron dum ĝi prirespondos la spiritajn bezonojn de la tutnederlanda popolo

### Regiona kongreso de katolikaj instruistoj

La 25 junio 1931 la Unuiĝo de katolikaj instruistoj (St. Lebuïnusvereeniging) en la Utreĥta eparĥio, sub patroneco de Sankta Lebuino, iama nederlanda apostolo, okazigis regionan kongrestagon por la norda parto de nia lando en Assen, ĉefurbo de la provinco Drente.

Post Sankta Meso, kiun celebris Lia Vikaria Moŝto D. Huurdeman, kunvenis tie ĉiuj nordnederlandaj katolikaj instruistoj kaj multaj pastroj.

Rektoro W. R. de Jong el Hilversum, episkopa inspektoro de la katolika instruado, parolis pri: « la enciklikо de Lia Papa Moŝto pri la kristana edukado », en kiu parolado li atentigis, ke la geinstruistoj ne devas konsideri sin kiel oficistoj de la ŝtato, sed kiel anstataŭantoj de la gepatroj, kiuj bedaŭrinde tro ofte ne plenumas sian taskon en la edukado.

Pastro Jos. v. Wely parolis pri malnovaj kaj novaj idealoj kaj instigis al la vekigo de vera katolika idealismo en la infankoroj.

Pluraj tiaj regionaj kunvenoj ankaŭ regule okazas en la aliaj partoj de nia lando kaj multe helpas al la plifortikigo de la katolika instruado, de kiu ja en la estonto tiom multe dependas.

J. H. Westen.

KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA
Anonc-Oficejo:
10, Rue Pergolèse
Paris-XVI
Poŝta ĉekkonto:
Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ANONC-TARIFO:

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo | fr. fk. | 750.— |
| 1/2 paĝo | — | 420.— |
| 1/4 paĝo | — | 250.— |
| 1/8 paĝo | — | 150.— |
| 1/16 paĝo | — | 90.— |
| Anoncetoj, la linio | — | 5.— |

La anoncoj estas kutime pagotaj samtempe kun la mendo.

Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.

## LETERO EL BELGUJO

La pasinta monato alportis al nia katolikaro kelkajn memorindajn okazintaĵojn, kiujn mi rapide volas skizi en ĉi tiu letero.

### Eminentaj Belgoj

En Loveno okazis solena inaŭguro de bela monumento dediĉata al nia granda kardinalo Mercier. Ĉeestis la belgaj gereĝoj, kelkaj kardinaloj kaj episkopoj, eminentaj korteganoj, ministroj, rektoroj el fremdaj universitatoj, senatanoj, ktp. La monumento prezentas la gloran kardinalon sidantan ĉe lia skribotablo.

Laŭdis la kleran scienculon: nederlandlingve S-ro Roels, el Utreĥto (Nederlando), anglalingve S-ro P. Goffey, el Irlando, la aliaj franclingve, i. a. Kardinalo van Roey, la franco Jacques Maritain, la hispana profesoro Juan Zaragueta.

Alian grandan filon de nia patrolando ni memoris solene (la gazetoj parolis pli *festoj*) nome Lia Pastra Moŝto Verbist, la gloran flandron, fondinton de la unua Belga misikongregacio: la Kongregacio de Skeŭt (Scheut). Lia korpo en belega ĥina ĉerko reveninta el Ĥinujo, kie li mortis, estas honorata — ne oficiale per militaj muzikoj aŭ procesioj de registaro — sed simple kaj kore de miloj da personoj, unue en Antverpeno, poste en Bruselo. Tiel la Belga popolo honoris la laboregintan apostolon en Ĥinujo, Kongo, Filipinoj, ktp.

### Internaciaj Studtagoj pri Katolika Agado

La Junularsekcio de la Internacia Unuiĝo de la Katolikinoj organizis dum la Pentekostaj tagoj kunvenojn, kiujn ĉeestis 103 studentinoj el 21 landoj de Eŭropo kaj Ameriko. Tio estis granda kuraĝigo por la direktantoj de la ĉi tiea ĝenerala katolika agado.

### Radio

Sekve al la antaŭa informo pri la dissendtempo de la Belga Radio Katolika, ni devas atentigi la interesulojn, ke nova aranĝo estis trovita, kvankam la katolikoj tute ne estas kontentaj pri la aljuĝita malmulta tempo, ĉar la belga popolo estas ĉefe katolika kaj nur la mardon la franclingvaj katolikoj (ondlongeco 508 metrojn), kaj la jaŭdon la flandralingvaj katolikoj (ondlongeco 338 metrojn) povas dissendi siajn programojn, de post la 17-a posttagmeze ĝis la 22-a. La aliajn tagojn ĉefe dissendas la nacia neŭtrala (!) radioinstituto. Tiu *neŭtrala* instituto eĉ kritikas la preĝojn aŭ krucsignojn dum la katolikaj dissendoj!

### Internaciaj informoj

Nia gazetaro sciigas, ke la hispana furoro estas la kulpo de la Jezuitoj, ke la bedaŭrindegaj okazintaĵoj kontraŭ nia Sankta-Patro en Italujo estas parte kaŭzitaj de la katolikoj mem, ke la kontraŭkatolika persekutado en Litovujo estas nur memdefendado de la tiea registaro. Ho! tiuj neŭtralaj informoj!

L. Calloens.

## Haindorf en Bohemujo!

Tiun ĉi agrablan urbeton oni povas atingi en 1 horo 1/2 de urboj Reichenberg (ĉeĥe: Liberec) en Bohemujo, kaj de Görlitz en Silesio kiel de Zittaŭ en Saksujo per vagonaro. En valo de Wittig inter belaj arbroj de pentra Isermontaro, 10 minutoj de kuracloko Bad Liebwerda (ĉeĥe: Lázně Libverda), kies sanigaj fontoj estas konataj en la XIV-a jarcento, estas lokita la pilgrimejo Haindorf, 3.000 enloĝantoj, katolikoj germanaj. La dutura preĝejo estas verko de majstro Bernhardo Fiŝer de Erlach en bona baroka stilo. Li verkis ankaŭ la preĝejon Sankta-Karlo en Wien kaj la grafan palacon de la fama familio Gallas en Praha. La trezoro de tiu ĉi juvelo estas la statuo de sankta Mario sub titolo *Mater formosa*. La preĝejo enhavas la plej grandan kaj bedaŭrinde ankaŭ la lastan verkon de la fama freskpentristo, Profesoro Andreo Groll (mortis en 1907 en Wien). La granda kupolo montras la ĉieliron de sankta Mario. Tiu ĉi artan sanktejon, garde komisiita al Franciskanoj, en 1692, de la familio Gallas, estas inda loko por la festludoj, kiuj de la 1 julio por ĉiam okazos. En tiu ĉi monato okazos merkrede, sabate kaj dimanĉe la « Ludo de morto de la riĉa Viro » laŭ teksto de H. de Hofmannstal. Jam alvenis la ĉeestantoj de ĉiuj flankoj kaj la aktoroj certe allogas amason da fremduloj. La ĉefajn rolojn kreos aktoroj de Dresdeno kaj Vieno. Ĝis nun oni nur povis ĝui tiun verkon en Salzburg (Aŭstrujo). Sub la protekto de Princepiskopo de Praha, D-ro Kordaĉ, Prelato Bader, en Reichenberg, Baronino Maria Liebig kaj Princo Eduardo Aŭersperg, en Friedland, kiel urbestroj de Reichenberg, Gablonz a. N., Friedland kaj Haindorf kaj pluaj, la arta gvido estas en manoj de D-ro Theo Modes.

La vizito de la festludoj allogas fremdulojn en belega regiono de Isermontaro kaj giganta montaro. Per aŭtobusoj oni facile povas viziti la faman kastelon de Wallenstein, kuraclokon Bad Liebwerda, la plej altan monton de Isermontaro: Tafelfichte kaj aliaj groteskaj valoj. En 1814 vizitis Karlo Maria de Weber Bad Liebwerda kaj ricevis impulson komponi la faman germanan operon « Der Freischutz ». Estas tre trankvila regiono, en kiu multaj malsanaj homoj refreŝiĝis. Geesperantistoj vojaĝantaj al aŭ de Krakowa Esperanto-Kongreso ne forgesu halti en Haindorf.

En ĉiuj rilatantaj aferoj bonvolu sin turni al S-ro B. Ulm, Mildenau 130, Ĉ. S. R.

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.
Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

**Adresu**

ĉion por la redakcio kaj administracio al

**Katolika Vivo**

**10, Rue Pergolèse, Paris-XVI**

poŝtmandatojn kaj bankĉekojn je la nomo de nia direktoro :

Pastro Georges RAMBOUX


## Ne legu tion, ni petas

Kiam ni decidis elirigi nian gazeton, nia intenco estis aperigi ĝin dusemajne la tutan jaron, eĉ dum la libertempoj. Kaj plezuro estus por ni efektivigi nian intencon, se eble estus. Sed ne estas eble pro financaj motivoj. Plurfoje ni diris kaj rediris, ke estis necese varbi mil novajn abonantojn; tiucele ni preskaŭ tede alvokis niajn legantojn, kaj bedaŭrinde sensukcese.

Tial la revuo *Espero Katolika* ĉesis aperi.

Tial la gazeto *Katolika Vivo* aperos en aŭgusto kaj septembro nur unu fojon.

Ni esperas povi en oktobro rekomenci la akuratan eldonon de la ambaŭ gazetoj, kondiĉe tamen, ke niaj nunaj legantoj restu fidelaj al ni, kaj ke ni akiru novajn abonantojn.

Ne mankas varbotaj esperantistoj katolikaj. Vi mem varbu ilin, ĉar ni mem ne povas atingi ilin. Tutkoran dankon.

### Tagkunveno de Katolika Junularo en Aŭstrujo

Dum la lastaj Pentekostaj tagoj en la malnova eksmonaĥejo de Gaming, en Malsupra Aŭstrujo, nuna junularejo de la malsupra aŭstria junulofico, la « Ring der katholischen abstinenten Jugend » (Laborkunveno de la katolika abstinenta gejunularo) okazis. La laborkunveno ekzistas jam depost unu jaro kaj estas organizajo, en kiu unuigis sin diversaj junulasocioj, kiuj laboras por la Eklezio kaj Kristo. La sento de ĉi tiu junularo estas porvivrenoviĝonta, la poaj federacioj apartenas al la Jugendbewegung (junulmovado). La organizajo estas tute libera kaj ne deviga.

La tagkunveno komencis per Meso en la monaĥeja preĝejo. Multaj junuloj el la ĉeestantoj iris al tablo de Nia-Sinjoro. Poste en la belega ĝardeno de la monaĥejo parolis Laschoba pri la vizaĝo de la nova tempo kaj la fortoj de la novaj tempoj. La parolado estis tute teoria. Post ĉi tiu parolado estis granda interparolado, en kiu partoprenis multaj pri la aferoj de la nova tempo. Oni konstatis, ke la nuna socia ordo ne estas ideala kaj prava. Laŭ la opinioj de la lastaj Papoj la katolika junularo volas renovigi la socian ordon de la mondo.

Vespere la taganoj festenis popolfestenon. Sur la herbejo de la ĝardeno oni dancadis malnovajn popoldancojn, oni ludis kaj fine oni prezentis du teatraĵojn al la popolo, kiu alvenis el la tuta ĉirkaŭaĵo. Estis ludajo kontraŭ la alkoholo kaj la misterludo « Kristoforo », kiun prezentis anoj de la federacio « Jung-Osterreich » (Juna Aŭstrujo). Kristoforo simbolas la hodiaŭan junularon, kiu serĉas Kriston kaj ne kvietas, ĝis li trovas lin.

Sekvanttage la interparoladoj estis daŭrigataj. Moritz parolis pri la praktika laborado en la nuna tempo. Dum ĉi tiu interparolado ankaŭ S-ro Mudrak, la famkonata samideano el Wien, parolis pri la neceso de paco kaj de Esperanto. La animoj de la partoprenantoj brulis por la idealoj de la katolika junularo.

Fine de la tagkunveno oni vizitis la preĝejon kaj poste oni reveturis hejmen. Tute la tagkunveno estis tre bela kaj ĉiu partoprenanto tre volonte rememoros pri ĝi.

E. G.

## La Konflikto inter Faŝismo kaj la Sankta Seĝo

En antaŭa artikolo ni esperigis, ke la konflikto inter la faŝista registaro kaj la Sankta-Seĝo verŝajne senakriĝos. Tio ne okazis. Male! La konflikto pli kaj pli ardiĝas, tiagrade ke ŝajnas ke baldaŭ okazos diplomata rompo inter Italujo kaj Vatikano.

Lia Papa Moŝto sendis protestnoton post protestnoton al S-ro Mussolini kontraŭ la persekutado al la Katolika Agado flanke de la faŝistaj taĉmentoj. Pio XI-a malkaŝe diris, ke li tute ne povas toleri tian sintenadon de havis kaj nun ne havas politikan celon, ne pli en Italujo ol en aliaj landoj, kie ĝi ekzistas. La celo de tiu agitado estas forrabo de la junularo el la influo de la Eklezio. Sed la Eklezio havas rajtojn por la edukado de ĉiuj homoj, speciale de la junuloj, kaj ĝi ilin depostulos ĉiam, malgraŭ ĉiaj persekutadoj. Kaj fine la Papo, en la encikliko *Non abbiamo bisogno* kondamnas la faŝistan doktrinon, kiu esence estas kontraŭkatolika, kaj malaprobas la faŝistan juron, kies




Tiu, kiu ne forpasas

la itala registaro al la Eklezio kaj al la Papeco. S-ro Mussolini ne forlasis siajn principojn kaj ne ŝanĝis sian agadmanieron.

La persekutado akre daŭris kaj ankoraŭ nun daŭras. Ĉiuj katolikaj junulaj rondoj kaj kongregacioj, eĉ de knaboj dek-jaraj, estas malpermesataj. Okazis atakoj al katolikoj. Katolikaj hejmoj estis rabitaj. La faŝista gazetaro insultis la Papon en pamfletaj artikoloj. La oficiala radio-posteno « Radio d'Italia » dissendis kalumniojn kontraŭ la Papo, akuzante Pion XI-an mem esti mensogulo. Kaj Ministro Grandi deklaris en oficiala parolado en Milano, ke Faŝismo forlasos neniun el ĝiaj konkiroj.

Tiam Lia Papa Moŝto Pio XI-a publikigis enciklikon, la 29 junio, en itala lingvo pri la nuntempa bedaŭrinda situacio de la religio en Italujo.

La Papo unue dankas la episkopojn kaj la fidelulojn el la tuta mondo pro la simpatiaj telegramoj al li senditaj en tiaj penigaj cirkonstancoj. Poste Pio XI-a denove protestas kontraŭ la persekutado de la Katolika Agado en Italujo flanke de la faŝista registaro, kaj detale respondas la akuzojn de la radiomesaĝo. La katolika Eklezio estas persekutata en Italujo. La Katolika Agado neniam teksto estas pli malpli ofenda al la religio.

La respektsignoj de la faŝistaj aŭtoritatuloj estas nur ironiaj kaj Faŝismo nur celas sklavigi la katolikan Eklezion kaj utili ĝin kiel apogilo por ĝia politiko. Kiel ni jam diris, tio estas malnova teorio, ĝi estas tiu de ĉiuj civilaj potenculoj de post la naskiĝo de la Eklezio. Sed neniu sukcesis sklavigi la Eklezion je la profito de ĝia politiko. Faŝismo ankoraŭ ne sukcesos. Kaj Mussolini estos jam de longe forpasinta, kiam staros ankoraŭ la Papo.

Max Roub.

*Ne estas grandega laboro por vi varbado de unu nova abonanto. Sed akiro de mil novaj abonantoj estas tute nepra por la vivo de nia gazeto. Plenumu do vian etan taskon, kies rezulto estas tiel grava !*

### Surmara Apostolado en Nederlando

Kiam la Patroj Kapucenoj establiĝis en Rotterdam, gravega komercurbo, meze de havenkvartalon en Katendrecht, ili ricevis de dume mortinta Msro Callier la ordonon zorgi pri tiu apostolado. Post necesaj preparoj Honorinda Pastro Adrianus estis komisiata je la laboro. Kun miriga fervoro kaj multa organiza talento ĉi tiu komencis la malfacilan pionirtaskon : meti la fundamentojn.

La 4 oktobro 1924 estis starigata en la verdira « misikapeleto » de Katendrecht (Nia Sinjoro loĝas en la teretaĝo kaj du patroj kaj du fratuloj en la supraj etaĝoj), estis starigata, mi diris, la Kunfratularo de l' Surmara Apostolado. Pastro Adrianus fariĝis direktoro.

La celo estas : ĉiel prizorgi la spiritan bonstaton de l'maristoj per ĉeesto en la sankta meso, komunioj, ĉiutaga preĝado de l' mallonga preĝo de la Apostolado, malgravaj mortifikoj. Krome, la alportado de bonmoralaj legaĵoj sur la ŝipojn, fondo kaj subteno de katolikaj hejmoj aŭ kluboj, amuzejoj, enoficigo de havenkaplanoj, prizorgo de l' korpa komforto de l' maristoj.

La anoj estas : a) aktivaj, kiuj laboras rekte per vizitoj sur la ŝipoj, legaĵdonado, gardado de la hejmoj ; b) asociintaj, kiuj preĝas por la celo kaj kontribuas ĉiujare almenaŭ unu holandan guldenon ; c) la maristoj mem.

Ĉu tia Apostolado estas necesa kaj utila ? Eniru havenkvartalon, rigardu ĉirkaŭ vi, kaj kuraĝu respondi : Ne. Vi ne kuraĝas. La Apostolado jam aniĝis al pli ampeksa korkoracio tiurilata, kiu eldonas revuon en ses lingvoj, kun titolo : *Apostolatus Maris*. Okazis antaŭ nelonge kongreso en Liverpool. La komuniko, ke jam pli ol 600 religiulaj kunfrataroj estas sin devigintaj preĝadi kaj penitencadi por ĉi tiu Apostolado kaŭzis koran aplaŭdon. La maristoj mem estas la plej efikaj promotoroj. La sukceso estas ĝojiga. La katoliko, kiu ĉion dankŝuldas al Kristo, Kiu igis el la fiŝistoj homkaptistojn, denove komprenu la vokon de Kristo !

Fr. Floriano.

**Nia venonta numero aperos meze de aŭgusto kaj surhavos la datojn 2-16 aŭgusto ; ĝi estos la sola por tiu monato.**

### NEKROLOGO

Grava perdo malĝojigis la katolikan esperantistaron. Mortis la 22 majo 1931 nia fervora samideano D-ro Wilhelm Hinsenkamp, en Essen (Germanujo), kiu multe influis la lokan katolikan Esperanto-movadon kaj prosperigis ĝin al ĝia nuna stato. Naskiĝinte la 8 aŭgusto 1877 en Essen, li, post studado, fariĝis advokato en la naskiĝurbo. Lia fervoreco kaj lia gajeco gajnis al li multajn amikojn kaj ĉiuj, kiuj konatiĝis kun li, ŝatis lian sincerecon kaj afablecon. Dum pli ol 20 jaroj li estis deputito en la urba konsilantaro.

En la Esperanto-movado li laboris pli ol 12 jaroj, li estis unu el la fondintoj de IKA kaj riprezentis la Esperanto-movadon en ĝia prezidantaro. Multaj artikoloj de li varbis por Esperanto en la katolikaj gazetoj germanaj. La legantoj de *Katolika Vivo* memoru lian artikolon pri « Esperanto kaj la Radio-stacio de l' Vatikano ». Ĝi estis lia lasta verko por nia movado. En la jaro 1925 li eldonis *IKA-Stimmen*, kies celo estis varbado por Esperanto kaj la internacia kunlaborado de la katolikaro. Kvar semajnojn antaŭ lia morto oni elektis lin membro de la jus fondita Internacia Varbkomitato Katolika por Esperanto. R. I. P.